# Esperanto en Azio

**(Komisiono de UEA pri Azia Esperanto-Movado)**

**N-ro 73**
**Bulteno de KAEM**
**oktobro 2011**

---

# Grandege Sukcesis Komuna Esperanto-Kongreso de Japanio kaj Koreio




(Foto: Arai Toŝinobu, Japanio)

La Kongreso okazis la 7-9-an de oktobro en Seungnam, Koreio. Ĝi estis proponita de Japanio en la jaro 2008 kaj preparita ekde la jaro 2009. La komuna kongreso kombinis la 98-an Japanan Kongreson kaj la 43-an Korean Kongreson, kaj samtempe samloke okazis ankaŭ la junulara renkontiĝo, la 30-a Komuna Seminario inter Ĉina, Japana kaj Korea Junularoj.

Al la kongreso aliĝis 500 Esperantistoj. 133 japanoj kaj 16 koreoj morale partoprenis, kiuj kvankam ne povis korpe ĉeesti, sed per aliĝo montris sian amon al la komuna kongreso. Rezulte partoprenis 209 japanoj, 131 koreoj, 6 rusoj, 2 ĉinoj, 2 mongoloj kaj 1 ĉeĥo. Diversaj interŝanĝoj de kulturaj aferoj okazis per 28 fakaj kunsidoj kaj 12 budoj. Aŭskultindaj estis 6 oficialaj prelegoj.

En la interkona vespero okazinta en la 1-a tago, oni sinsekve prezentis kantojn, muzikojn kaj dancojn de amatoraj amikoj, kaj belan pupteatraĵon de Yangpyeong-filio de KEA. Pro la neevitebla fakto, ke kantado estas multe ŝatata de la ambaŭ landaj popoloj, aŭtomate sekvis kanteja tempo. Oni unuope aŭ grupe kantis kun sinprezentado kaj amuza komentario. Tiu ne oficialaj partoj de la interkona vespero povis finiĝi je la 2-a matene.

En la arta vespero en la 2-a tago estis prezentitaj la naciaj tradiciaj dancoj kaj teatraĵoj. Pluse al la himno de Esperanto, 3 kantoj estis koruse eĥiĝis. La kanto 'Saluton!' estis preparita kiel la kongresa kanto. La kanto 'Printempo' de Japanio kaj 'Printempo de la hejmloko' de Koreio estis elektitaj por kunkanti en Esperanto.

Ĝi estis la unua provo por ambaŭ landanoj kongresi komune. La plej rimarkinda punkto estis, ke ne nur en la oficialaj programeroj sed ankaŭ en privataj konversacioj eĉ inter samlandanoj la kongresanoj nature parolis nur Esperante.

Rilata stato inter Japanio kaj Koreio havas multe da koloroj. En bona flanko televidaj dramoj kaj filmoj transpontas 2 landojn. Kantoj kaj dancoj de 2 landoj ludas la efikan rolon por junuloj. Sed en alia flanko ofte provokitaj estas problemoj ekz. pri la

teritorio kaj historio. La plej proksimaj landoj ripetiĝas varmiĝi kaj malvarmiĝi ĉefe pro politikaj kialoj. La komuna kongreso estis raportita en la ĵurnalo de Koreio kun la scivolemo, kiel la esperantistoj de ambaŭ landoj pritemas la amikiĝon kiel ordinaraj popoloj. Kaj la ĵurnalo akcente raportis, ke prezentiĝis korea tradicia teatraĵo Ĉunhjang, kiun koreoj kaj japanoj kunlabore ludis en Esperanto.



**Ludantoj de la korea tradicia teatraĵo Ĉunhjang Foto: JEON Daebong**

Dank' al la komuna kongreso, novaj amikecoj naskiĝis kaj samtempe oni povis renkonti malnovajn amikojn, kiuj havas saman intereson, kaj tio daŭrigos ilian amikecon kaj kunlaboron per la interretaj kontaktoj. <PARK Yongsung el Koreio>

## Azia Agado dum la kongreso

Prezidanto de KAEM Sasaki Teruhiro

En la fakkunsido de Azia Agado estis vigle diskutitaj gravaj temoj, kiujn KAEM alfrontas.

Unue, rilate al la sekva 7-a Azia Kongreso en Israelo, estas prezentita la propono de Esperanto-Ligo en Israelo (ELI) okazigi la

AK-on inter la 27-a de junio kaj la 1-a de julio 2013 en gastejo “Rabin”. Oni diskutis, ĉu estas konvena la proponata dato de Kongreso. Jam en ret-letero esprimis dubon s-ro Fajzllaev el Taĝikio, ke estos tro varmege en tiu sezono en Israelo por okazigi Kongreson. Dum la fakkunsido estis esprimitaj samaj opinioj, tamen estis ankoraŭ priparolata neniu konkreta paŝo. Poste mi denove demandis la komisiitojn de KAEM, tiam la plimulto de KAEM-anoj vidas monaton “junio” konvena por la 7-a AK.

ELI demandas, kiom da partoprenontoj estas antaŭvidataj. Al tio oni ne povas respondi precize en la nuna stadio. Sed tiu demando estas tre grava, ĉar de ties nombro dependas la supozota skalo de la kongreso. La deficito en la 6-a AK en Mongolio devenis ĉefe de la diferenco inter antaŭsupozita kaj reala nombroj de partoprenantoj.

Sekve parolis s-ro Enkhee el Mongolio pri la rezulto de la 6-a Azia Kongreso. Pro la aperinta deficito severe lin kritikis s-ro Lee Jung-kee, la eksprezidanto de KAEM, kaj s-ro Isino Josio el JEI. La tiu lasta eĉ diris, ke la Azia Kongreso en Ulanbatoro malsukcesis je financa afero. S-ro Enkhee pledas, ke li volis okazigi “normalan” Internacian Kongreson surbaze de limigita buĝeto, tamen montriĝis neatendita elspezo.

En tio kuŝas ja granda dilemo en kongresoj, okazantaj en ekonomie disvolviĝantaj landoj. Estas facile kritiki miskalkulon inter enspezo kaj elspezo. Sed, ĉu ene de la enspezo eblus okazigi ian ajn “normalan” internacian kongreson en landoj, kie mankas necesaj instalaĵoj kaj malmultas helpantoj? Laŭ mia opinio oni devas altetaksi la noblan konduton de mongolaj samideanoj, kiuj, ŝarĝite per deficito, laŭeble bone pretigis la kongreson kaj kontentigis alvenintajn gastojn.

Kvankam s-ro Hori opinias, ke organizantoj de Azia Kongreso profitu per sia entrepreno, tamen estas tre malfacile gajni monon el tiaspeca afero, kiel kongreso de esperantistoj. Tial do de nun oni devos pripensi iun ajn helprimedon al Aziaj Kongresoj, okazigotaj en disvolviĝantaj landoj.

Koncernante la nunan agadon de KAEM, oni akuzis ĝin pro ekzistado de dormantaj komisiitoj. Ĉeesti kunsidojn de KAEM en UK estas devo de komisiitoj. Kaj kiam okazas rete voĉdono, ili devas tuj respondi. En la fakkunsido oni postulis eĉ anstataŭigon de tiaj senrespondeculoj per aliuloj. Estis jam distribuitaj al ĉiuj KAEM-anoj la taskoj, kiujn ili devas plenumi. Estsas dezirite, ke ĉiu el komisiitoj mem proponu sian laborplanon en sia flanko. Tamen kulpas je tio ne nur dormantaj komisiitoj, sed la prezidanto mem. Li devus antaŭ ĉio prezenti klare kurantajn taskojn por KAEM kaj ordonadi konkretan laboron al ĉiu KAEM-ano. Por tio KAEM-anoj devas pli aktive interŝanĝi konstruajn opiniojn kaj decidi la projekton por nuntempa agado. Nepre necesas plibonigo de TTT-ejo, por ke ĉiuj KAEM-anoj esprimadu libere kaj eksplicite sian opinion sur la komuna hejmpaĝo.

Dum ordinara procedo de la agado, kiam KAEM plenumas aktualan taskon pri subvencio el la Fondaĵo de Azio, kelkaj aktivaj komisiitoj proponas siajn utilajn opiniojn kaj projektojn. La tempo jam maturiĝas por ordigi agadmanieron de KAEM.



**Antaŭ la tabulo troviĝas s-ro Sasaki (sidanta) kaj s-ro Enkhee (el Mongolio, staranta) kaj dekstre s-ro Hori kun verda kostumo.**

## Rezulto de Literatura Konkurso

**La 1a premio al HORI Jasuo** el Japanio pro "Iitate, Mia Revo"

Estas kortuŝa enhavo en bona kaj lerta esprimmaniero. Temas ĉefe pri la tertremo kaj eksploda akcidento de la atomenergia centralo, okazinta la 11an de marto en Fukuŝima. La antaŭa rakonto

pri la biblioteko en Iitate estas fakta. La bildolibro pri lokomotivo Jaemon reale ekzistas, kaj estas la talento de la verkinto ligi la 3 aferojn en unu rakonto. (Komento de la juĝantaro)

**La 2a premio al EGAWA Harukuni** el Japanio pro "Vanaj bildoj de japana sanasekuro"

**La 3a premio al s-ino SHIN Eun-sook** el Koreio pro "Sonĝo de nigra kuniklo"

## Premioj

**Koreio: La 11a Hajpin-Premio al s-ino Kim Uson**, kiu plej brile kontribuis al la korea Esperanto-movado .

**Premio al bona Esperanto-rondo en 2011 al ILEI-Korio**

**La 10a Premio LEE Chong-Yeong al s-ro LEE Jung-kee**, kiu varbis plej multajn novajn membrojn al KEA.

**Japanio: La Premio Ossaka 2011 al s-ro Jamada Tadaŝi**, kiu kolektis, redaktis kaj eldonis kantojn en Esperanto.

## UK en Kopenhago

### Fruktoplena Azia Agado



**LEE Jung-kee (staranta), s-ro Hoang Ngoc Boi kaj s-ino Indu Thapaliya**

Dum la UK la 28an de julio okazis Azia Agado dum 90 minutoj. Jen estas ĉeestantaj KAEM-ano kaj komisiitoj de KAEM-anoj:
s-ro Hoang Ngoc Boi (Vicprezidanto, Vjetnamio)
s-ro Hori Jasuo (komisiito, Japanio),
s-ino Indu Thapaliya (komisiito, Nepalo)
s-ro Lee Jung-kee (komisiito, Koreio)

La kunsidon prezidis s-ro Hoang Ngoc Boi. Unue Hori proponis "Projekto de KAEM" kaj "Strategio kaj plano inter 2010-2013".

1. Fortigi landajn movadojn 2. Vigligi junularan movadon
3. Disvastigi Esperanton al la tuta Azio, profitante la UK-on en Vjetnamio
4. Sukcesigi la 97an UK-on en Vjetnamio
5. Subteni regionajn agadojn
6. Sukcesigi la 7an Azian Kongreson en Israelo
7. Profiti la komunan kongreson inter Japanio kaj Koreio

**Raportoj**

Japanio (s-ino Syozi Keiko): Komuna Esperanto-Kongreso inter Japanio kaj Koreio, okazonta en oktobro tiun ĉi jaron.

Nepalo (s-ro Bharat Ghimire): Plano pri la Komuna Seminario en la Suda Azio (Bangladeŝo, Nepalo, Srilanko, Barato, Pakistano).

Koreio (s-ro Lee Jung-kee) kaj Ĉinio (Trezoro): ILEI-Azia Seminario okazonta en la venonta jaro en Kunming, Ĉinio

Israelo (s-ro Jehoŝua Tilleman): Pasintjaraj kursoj, Kongreso kaj Zamenhofa Kunveno

Indonezio (s-inoj Heidi Goes kaj Sondang Ilia Sumilfia Dewi): Kursoj en Indonezio fare de Heidi Goes, iu iranano, Tatjana el Rusio kaj kreskanta movado.

Japanio (s-ro Inumaru Fumio): Pri JEI, diversaj enlandaj organizoj kaj movado.

Pakistano (s-ro Ghulam Nabi Parvaz): Diversaj aferoj rilate al Pakistano.

Vjetnamio: Preparo por la 97a UK en Hanojo.

**Diskutoj**

S-ino Tahira Masako (Japanio): La 7a AK ne koliziu kun japanaj du grandaj regionaj kongresoj.

S-ro Amri Wandel (Israelo): Ni realigos belan, riĉan Azian kongreson kulture kaj hisotorie. (Vidu la paĝon 28 pri pli da informo)

S-ro Razen Manandhar (Nepalo): Starigu TTT-ejon de KAEM, en kiu esperantistoj povos babili kaj diskuti.

S-ro Bharat Ghimire (Nepalo): Por organizi Sud-Azian Seminarion, Nepalo havas bonan kondiĉon, starante neŭtrale inter Barato kaj Pakistano, kiuj politike kontraŭas. Esperantistoj en ambaŭ landoj estas en la bona rilato.

La kunsido finiĝis en amika etoso kaj riĉa frukto, kvankam mankis la prezidanto kaj multaj KAEM-anoj. Ni konstatis la konstantan progreson en la tuta Azio.

## Premio Onisaburo Deguĉi al HORI Jasuo

La estraro de UEA aljuĝis la Premion Onisaburo Deguĉi por agado, kiu per Esperanto antaŭenigis internacian amikecon kaj solidarecon en la spirito de d-ro L.L.Zamenhf kaj Onisaburo Deguĉi. La premio estis starigita en la Jubilea Jaro de Esperanto, 1987, per donaco de Oomoto kaj konsistas el diplomo, monsumo de 2000 eŭroj kaj donaceto de Oomoto.

Ĉi-jare la Premion Deguĉi ricevis HORI Jasuo el Japanio pro multjara agado por konigi la japanan kulturon tra la mondo per prelegvojaĝoj, artikoloj kaj libroj, inter kiuj elstaras lia armanako “Raportoj el Japanio”, aperinta jam en 14 volumoj ekde 1998. Krome, ĉi-jare oni povis preskaŭ ĉiutage legi en Esperanto liajn retajn raportojn pri la vivo post la tertremo, cunamo kaj atomcentrala katastrofo okazintaj en marto en lia lando.

*Lia raporto pri la katastrofo estas legebla ĉe
http://www.satesperanto.org/-Taglibro-de-nia-Kamarado-Yasuo-.html

# Esperanto-Insulo Hajnano, Ĉinio,
## de la 11a de Januaro ĝis la 12a de Februaro 2012

Ĝuu tutan monaton de 100% de Esperanto-etoso, aŭdante kaj parolante Esperanton la tutan tagon. Por ĉiuj azianoj kaj alikontinentanoj. Tuttaga Esperantumado eĉ por komencantoj. Kaj ĉio ĉi en la fama, bela, varmeta, plaĝplena, suda, ĉina insulo Hajnano (海南島)-- la Esperanto-Insulo.

Loĝado ĉe la Universitato de Hajnano, kun malmultekostaj ĉambroj kaj manĝado dum la tuta monato. Loĝado ĉe diversaj hoteloj inkluzive tre luksaj eblas ankaŭ. Esperanto-Hotelo, Esperanto-Kafejo, Esperanto-Kabareto, Lingva Festivalo, la fama Esperanto-Frukto de Hajnano, Esperanto-Plaĝo, Miloj -- ne centoj-- da manĝejoj kun ĉiaj fruktoj, legomoj, kaj fiŝaĵoj imageblaj. kokoso-trinkado ĉe la maro, tutmonata daŭro.

La Insulo Hai Nan Dao estas la internacia turisma regiono de Ĉinio. Depende de via lando, vi bezonos vizon kaj invitleteron. Kontaktu TRIGO-n por informiĝi. Post (ne dum!) la kursaro vi povos turismadi ie ajn en Ĉinio, aŭ en la apudaj Vjetnamio kaj Tajlando.

**Tri kurso-specoj por diversnivelaj esperantistoj:**

1. Por komencantoj kaj ne-fluaj parolantoj

Vi havos la tre, tre intensan BEK-Kurson de Dennis Keefe. ok horojn ĉiutage, de lundo ĝis sabato, la tutan monaton. Multege da laboro, sed belaj rezultoj, ĉar vi estos flua parolanto de Esperanto. Prezo por kurso, baza loĝado kaj manĝado: 4000 ĉinaj RMBoj (465 eŭroj, 626 dolaroj).

2. Por esperantistoj, kiuj volas lerni instrui en Ĉinio kaj alilande:

Vi havos profesian kurson, de Katalin Kovats de WWW.EDUKADO.NET pri metodiko de fremdlingva instruado ĝenerale kaj Esperanto-instruado speciale. Vi lernos plurajn metodojn kaj grandan nombron de utilaj teknikoj por efike instrui

Esperanton en Ĉinio en posta jaro. Vi havos kvar horojn de instruado de lundo ĝis vendredo, kaj vi povos ankaŭ studi unu universitatan kurson en Esperanto. Vidu sube. Prezo por kurso, baza loĝado kaj manĝado: 4000 ĉinaj RMBoj (465 eŭroj, 626 dolaroj).

3. Por spertaj esperantistoj, troviĝos kursoj en la universitato de Esperanto

Universitat-nivelaj kursoj, kompletaj kursoj, por fluparolantaj Esperantistoj el Ĉinio, el Azio, el la tuta mondo, ĉiu kurso (historio, komputiloj, paco, ekzemple, 2 horojn ĉiutage). Instruistoj, profesoroj Ron Glossop el Usono, Federico Gobbo el Italio, instruos kore kaj universitate por ke vi lernu kiom eble plej PER Esperanto PRI nia mondo. Prezo por kurso, baza loĝado kaj manĝado: 4000 ĉinaj RMBoj (465 eŭroj, 626 dolaroj). .

Nun estas bona momento aliĝi al la kursoj de Esperanto-Insulo. Studlokoj estos limigitaj! Aliĝu nun

Pli da informo ĉe www.esperanto-insulo.info

**Kunlaborantoj:**
ILEI-Ĉinio, VEK – ILEI, Universitato de Hajnano, Mondeto, Kosmo, Universitato de Nankino, BEK-Kurso

Dennis Keefe <keefeinchina@gmail.com>

# Japanio

## Tergloba Festivalo en Tokio

Okazis Tergloba Festivalo en Tokio, en la 1a kaj la 2a de oktobro. Venis ĉirkaŭ 110 mil homoj. Staris ĉ. 250 budoj de diversaj organizoj. Ankaŭ Japana Esperanto-Instituto (JEI) starigis sian budon por priinformi Esperanton.

Notinde estis, ke ni multfoje okazigis "5-minutan kurson de Espearnto", kaj partoprenis sume ĉ. 100 homoj. Kvankam oni hezitis eniri en nian budon, sed se ni diris ke "tuj baldaŭ

komenciĝos la 5-minuta kurso", tiam oni eniris pli facile.

Ankaŭ okazis prelego de s-ro Fukuda Tosihiro pri lia agado, t.e. montri magion per Espearnto en diversaj lokoj en la mondo. Li akcentis, ke ĉie en la mondo estas esperantista reto, kaj tio estas fundamento de lia agado.

Raportis Nakamura Daishin

Informa Fako de Japana Esperanto-Instituto
http://www.jei.or.jp/hp/esp.htm

## Fondiĝo de Okinava Esperanto-Rondo

Okinavo estas la plaj suda japana insulo en la Pacifiko, kie ĝis nun ne ekzistis Esperanto-movado. En tiu insulo finfine fondiĝis Esperanto-rondo.

La 13an de oktobro 2011, okazis la inaŭguro de la rondo en la seminariejo de la Kristana Centro en la urbo Ginoŭan. Jenaj estis programeroj:

1. Malferma saluto de s-ro Mijazato Seiko (ano de la prepara komitato)
2. Prezentado de la gastoj fare de s-ro Higa Koobun (reprezentanto de la prepara komitato)
3. Saluto de s-ro Hoŝida Acuŝi el Hokajdo-Esperanto-Ligo pri sia vivo kun Esperanto.
4. Saluto de s-ro Karel Stulz el Ĉeĥio
5. Saluto de s-ino Sakuta Mieko, loka esperantisto
6. Klarigo pri Esperanto (Hoŝida kaj Karel)
7. Fermo s-ro Saeki Masuo

Kontaktadreso de la klubo

S-ro HIGA Koobun, 901-2214 Okinaŭa-ken, Ginoŭan-ŝi, Ganeko 4-16-15, Telefono/Fakso: 098-897-0928

## Toohoku-kongreso en Fukuŝima

Okazis la 52a Toohoku-Esperanto-Kongreso en la varmfontejo Iizaka en la urbo Fukuŝima la 22an - 23an de oktobro. Oni timis, ke pro la radioaktiveco ne venons multaj homoj, sed same kiel antaŭaj jaroj, preskaŭ 50 homoj ĉeestis kaj 30 homoj morale aliĝis.

La 22an okazis la simpozio "Esperante pacon por protekti vivon kaj vivadon", en kiu reprezentantoj de la 4 gubernioj de Toohoku raportis pri la katastrofo en sia gubernio kaj poste ni diskutis. Oni konkludis, ke ni malhavu nukleajn centralojn en Japanio kaj ke en la nuna kriza situacio Esperanto helpos nin multe kiel trezorejo de esperoj. Vespere okazis Gaja Vespero, en kiu talentuloj montris teatraĵon, kantis Esperanto-kantojn kaj deklamis siajn poemojn, kaj ĉiuj gaje manĝis kaj trinkis.

La 23an okazis prelego fare de prof. Goto Hitoŝi kun la temo "Toohoku kaj lingva kulturo de Esperanto", en kiu li prezentis homojn el Toohoku, kiuj ludis grandan rolon en la evoluo de Esperanto-kulturo en Japanio.

Post la kongreso 20 homoj promenis en la urbeto Iizaka, vizitante malnovan domon de la familio Horikiri.

La venontjara kongreso okazos en la gubernio Mijagi.

## Invito al la novembra sumoo

Sumoo, tradicia lukto en Japanio, okazas 6-fojojn jare. En septembro okazis la septembra konkurso dum 2 semajnoj. Paralele kun ĝi oni organizis Esperanto-sumoon. En septembro partoprenis 35 homoj el 8 landoj. Perfektaj venkintoj kun 15 venkoj estis 23.

La novembra sumoo komenciĝos la 13an de novembro por du semajnoj. La organizantoj atendas partoprenon de vi kaj de viaj konatoj. La regulo estas simpla: anoncu kiom da paĝoj vi legos por unu tago kaj ekde la 13a vi eklegu tiun kvanton ĉiun tagon dum 15 tagoj. Profitante tiun sumoo-n, ni legu multajn Esperanto-librojn. Por pli da informo kaj aliĝo vi turnu vin al HORI Jasuo <hori-zonto@water.sannet.ne.jp>

## Koreio

# 12 koreaj geknaboj vizitos Tajvanon por renkonti Esperanto-geknabojn

De la 2-a ĝis la 6-a de decembro kurantjare 12 koreaj geknaboj kaj 4 zorgantoj (2 instruistoj, unu patrino kaj LEE Jungkee, prez. de Seula Esperanto-Kulturcentro) vizitos Tajvanon por renkonti geknabojn, kiuj parolas Esperante.

Tiu ĉi renkontiĝo estas unua provo por interkonatiĝi inter du landaj geknaboj pere de Esperanto. En Koreio, la geknaboj lernas Esperanton en la elementa lernejo Ondd, kiu sidas en la urbo Uiwang, proksime de Seulo, kaj en Tajvano s-ro Reza Kheir-khah (iranano) nun instruas Esperanton al deko da geknaboj en la urbo Pingtung, Tajvano. Mi antaŭvidas, ke la renkontiĝo okazos daŭre alterne inter la du urboj.

LEE Jung-kee <esperanto@saluton.net>

# 372 koreaj gestudentoj eklernis Esperanton en tri universitatoj

Ĵus komenciĝis la dua semestro en koreaj universitatoj. En tiu ĉi semestro sume 372 gestudentoj el tri universitatoj (Univ. Korea Fremdlingva, Univ. Dankook kaj Univ. Wonkwang) aliĝis al Esperanto-kurso, kiu estas unu el elekteblaj lingvoj kun du notoj por unu semestro. La studentoj ellernos bazan gramatikon de Esperanto dum 4 monatoj kaj provos paroli en Esperanto per Skajpo. Kaj laste ankaŭ Fejsbuko estas tre bona komunikilo por ĝui utilecon de Esperanto. Jen estas retadreso (esperanto@saluton.net) kaj skajpo-nomo (leejungkee) de la docento LEE Jungkee. Vi povas kontakti la studentojn pere de Skajpo aŭ Fejsbuko tra la kursgvidanto LEE.

LEE Jung-kee <esperanto@saluton.net>

## Koreaj gimnazianoj
## al Herzberg am Harz - la Esperanto-urbo

La 20an de oktobro bonorde alvenis 10 gastoj el Koreio. Temas pri 3 gimnazianinoj de la Esperanto-studfako kaj 5 gimnazianoj + rektoro kaj la instruistino Sonĝanta. Krome la korea studentino Amira momente estas en Herzberg. Ili restos ĝis la fino de novembro 2011 en la Esperanto-urbo Herzberg. Kelkaj el ili jam tranoktis en la nova "Esperanto-paradizo", iama "Hotelo Ora Cervo".

Pli da informoj ĉe http://esperanto-urbo.de (multlingva), http://ic-herzberg.de (kun fotoalbumo)

Esperanto-instruado, biblioteko, muzeo je via servo:

Germana Esperanto-Centro/Interkultura Centro Herzberg
D-37412 Herzberg/Harz - la Esperanto-urbo
Grubenhagenstr. 6, Tel: +49/(0)5521-5983

# Nepalo kaj Suda Azio

## La Unua Sud-Azia Seminario (SAS)

NEspA unuanime akceptis la proponon de KAEM okazigi unuan Sud-Azian Seminarion (SAS) en Nepalo. Ties ĉefa celo estos disvastigi Esperanton kaj kunigi esperantistojn en la regiono. Ni multege diskutis pri tiu temo dum la UK en Kopenhago. Kaj laŭ plano, SAS okazos venontjare (2012) de la 1-a ĝis la 6-a de marto en Katmando, Nepalo. Ni esperas, ke KAEM subtenos morale kaj finance tiun ĉi programon. Ni invitas ĉiujn esperantistojn el la tuta mondo por internaciigi la etoson. Jen estas la proponita programo:

1-a de marto: Bonvenigo, registrado kaj interkona vespero
2-a de marto: Inaŭguro kaj fakkunsidoj
3-a de marto: Fakkunsidoj
4-a de marto: Libera tago
5-a de marto: Fakkunsidoj
6-a de marto: Ferma ceremonio

Ni organizos ekskurson antaŭ aŭ post la Seminario, se montriĝos intereso.

Detalojn de la fakkunsidoj ni dissendos poste. Ni ankaŭ instruos Esperanton por diversaj niveloj, faros prelegojn kaj prezentos aliajn interesajn programerojn. Ne-esperantistoj estas bonvenaj sed devas studi Esperanton dum la periodo.

La kotizo estos 1.500 nepalaj rupioj por sud-azianoj (Nepalo, Barato, Pakistano, Bangladeŝo, Srilanko, Afganio, Butano kaj Maldivoj) kaj 75 eŭroj por aliaj landanoj.

Ni ankaŭ pretas gastigi partoprenantojn en niaj privataj domoj aŭ aranĝi malmultekostan loĝadon.

Ni atendas viajn reagojn kaj sugestojn.

Bharat K. Ghimire,
ĝenerala sekretario de Nepala Esperanto Asocio

## Ĉinio

# La 3a Junulara Seminario de Esperanto en Harbino

La 3a Junulara Seminario en Esperanto okazis la 28an-29an de majo, 2011 en la ĉarma urbo Harbino, Nordorienta Ĉinio. La seminaria temo 'Esperanto kaj Junuloj'. Ĉirkaŭ 40 ĉeestantoj, inter kiuj estas plejparte gejunuloj kaj ankaŭ du esperantistinoj el Mongolio, unuanime opiniis, ke la junaj esperantistoj estas la elita forto de nia Esperanto-movado. Nuntempe en Esperanto-movado ĝenerale mankas junula engaĝado, tial ni memvole vigligu la agadon.

Ni alvoku, ke okazu Esperanto-kursoj diversgradaj en universitatoj, kiuj havas la kondiĉon, kaj tiuj amuzaj aranĝoj gajnu bonan instruan efikon.

Malnovaj samideanoj laŭeble helpu la okazigon de Esp-kursoj por gejunuloj, kreu la harmonian kaj unuiĝan cirkonstancon inter samideanoj.

En la Esperanta instruado ni devu emfazi la bonan tradicion de Esperant-movado, t.e. unu la alian estimas, faras ĉion ŝpare kaj

interhelpas.

Heilongjiang-a Esperant-Asocio kaj Esperanto-Instituto Yutong de Harbino decidas, ke ni daŭre okazigu ĉi tian seminarion ĉiujare en urbo Harbino, en majo venontjare (2012) okazos la 4a Junulara Seminario.

Prof. Song Ping; songheshu@126.com
el Scienc-Teknika Instituto, Heilongjiang, Ĉinio.
Heilongjiang Esperanto-Asocio, Ĉinio.



## Ŝanhaja Esperanto-salono bone agas

Ŝanhaja Esperanto-salono sub la Ŝanhaja Esperanto-Asocio jam ekzistas sep jarojn. Tagmeze de la lasta dimanĉo de ĉiu monato ĝi bone agas. Posttagmeze de la 27-a de aŭgusto la Ŝanhaja Esperanto-Asocio okazigis ĉiumonate unufojan aktivecon de la Esperanto-salono. La vicprezidanto de la Zhejiang-provinca Esperanto-Asocio s-ro Li Zhongming, esperantisto Sa Yide el Irano, esperantistino Ramona el Latvio kaj aliaj, entute pli ol 30 personoj ĉeestis la aktivecon.

Dum la aktiveco s-ro Li Zhongming gvidkantis la himnon "La Espero". Ŝanhaja esperantistino Ji Cunfang instruis ĉiujn kanti la

kanton Jasmenfloro. La prezidento Wang Minhao bone prezidis super konvercacia ekzerco-leciono.

Sheng Xiaoxi kaj Ji Yingeng <jiyingeng@yahoo.com.cn>



## Kurso ĉe Komunuma Kolegio Pingtung en Tajvano

Unuafoje okazis kurso de Esperanto ĉe tiu kolegio, kiu estas renoma kaj populara tra la tuta Tajvano. La kursoj okazas ĉiujare en 2 semestroj kaj ĉiu ja povas partopreni ilin. Por la pasinta semestro, kiu komenciĝis en marto de tiu ĉi jaro, 18 studentoj aliĝis, el kiuj 11 finis la kurson. Por la kurso ni uzis la libron Esperanto de Stano Marcek per rekta metodo. Krom lernado de Esperanto ni havas ankaŭ kulturajn aktivadojn, ekzemple kelkaj esperantistoj prelegis pere de komputilo kaj ekrano pri ilia vojaĝo al aliaj landoj pere de Esperanto. Ni ankaŭ havis korespondan kontakton kun brazila Esperantistino per reto kaj poŝto.

En la lasta leciono ni havis specialan feston, en kiu prof. Ĉo (Abengo) prelegis pri "Libro de Ŝanĝoj" kaj poste per iu konata ĉina metodo divenis la sorton de la studentoj! En iu parto de la klaso, s-ro Kevin Ŝih, esperantista masaĝisto, kaj aliaj du masaĝis la piedojn de kelkaj studentoj. Ankaŭ ni havis diversajn trinkaĵojn kaj manĝaĵojn por dividi kune.

Kaj la 16an de julio estis festo, en kiu ĉiuj kune kantis la kanton: "Kio okazos, okazu (*Que sera, sera*)" en Esperanto. La programo prenis atenton de la partoprenantoj. La tuta programo de Esperanto videblas per tiu ĉi filmeto:
http://www.youtube.com/watch?v=KwdfjDl5E2I

Kursoj de la komunuma kolegio prezentu, kion ili lernis dum la semestro. Tiam Reza por ĉirkaŭ 10 minutoj parolis pri Esperanto en Esperanto kun interpreto de Kevin.

Reza KHEIRKHAH rezamenhof@yahoo.com

## Indonezio

### Raporto pri la E-instruvojaĝo al Indonezio julie-aŭguste 2012

Inter la 21a de julio kaj la 21a de aŭgusto mi efektivigis E-instruvojaĝon al Indonezio. Laŭ la plano, kompilita de indoneziaj geesperantistoj sub gvido de Ilia Sondang Dewi <ilia.dewi@gmail.com>, mi devis instrui en 6 urboj de la insuloj Javo kaj Sumatro. Efektive mi instruis en 5 (Bandung, Yogyakarta, Malang, Djhakarto, Medan), ĉar la respondeculo en la urbo Surabaya (Javo) Aries Budiono <godblessbudi@yahoo.com> lastmomente (jam dum mia restado en Indonezio) nuligis la kurson.
Antaŭ la vojaĝo mi korespondadis rete pli ol du monatoj kun indonezianoj kaj Heidi Goes, Belgio, kiuj helpis solvi kelkajn organizajn momentojn de la E-instruvojaĝo kaj pliĝustigi itineron tra Indonezio.

Por efektiva E-instruado estis preparita komputila prezentado titole «Esperanto en Indonezio», konsistanta el 40 lumbildoj. Dum la lecionoj mi uzis ankaŭ Esperanto-indoneziajn ŝlosilojn, kiujn disponigis al mi loka esperantisto Abdul Haris Abnan <aharisadn99@gmail.com> (Haris havas la liston de laŭurbe distribuitaj ŝlosiloj), kaj legolibron por komencantoj «Mamutido Michjo» de M. Bronŝtejn (Moskvo, eldonejo «Impeto», 2011). Ĉiujn venigitajn el Rusio 60 ekzemplerojn de la legolibro mi lasis

ĉe organizantoj de E-kursoj en ĉiuj supre menciitaj urboj. Same kopiojn de la komputila prezentado «Esperanto en Indonezio» kaj kopiojn de la unua leciono de ekzerca parto de la legolibro. Mi planas daŭre ekspedadi rete daŭrigon de E-lecionoj verkitajn laŭ la legolibro. Ĉiuj grupoj, krom diversspecaj esperantaĵoj kaj memoraĵoj, ricevis donace ankaŭ KD-diskojn («Oraj kantoj») kun E-kantoj en plenumo de rusiaj geesperantistoj.

**Bandung**

En la urbo Bandung la E-kurso okazis en la muzeo de Azia-Afrika Konferenco. Laŭ anticipa interkonsento kun la organizanto de la E-kurso Desmont S.Andrian, oficisto de la muzeo, <desmond_sa@yahoo.fr> estis kunvenigitaj 30 gejunuloj, plejparte gestudentoj, kiuj regule ĉeestis la fiksitajn instruhorojn. La deca kaj serioza organizado de la kurso, bonnivele teknike ekipita flanke de administracio de la muzeo (direktoro s-ro Pasha) donis eblecon efektive intsrui. Kelkaj gejunuloj entuziasmiĝis kaj planis sen troa prokrasto kunveni por ripeti la ellernitan materialon. La unua kunveno fakte okazis en aŭgusto, jam post mia forlaso de Bandung (laŭ informoj de Desmont S.Andrian).

**Yogyakarta**

En Yogyakarta la E-kurso okazis en hejmo de 33-jaraĝa kuracisto Tomy Aditama <tomy.aditama@gmail.com>, kiu eksciis pri Esperanto de unu el siaj kolegoj, kiu praktikis siatempe Yumeiho-terapion en Japanio. Al la kurso venis 8 personoj, kiuj lernis la lingvon vespere, ĉar dumtage ili laboris. En la urbo loĝas bone E-parolanta junulo Johanes Manhitu, kiu lernis la internacian lingvon memstare (li estas profesia tradukisto) antaŭ 10 jaroj. Johanes M. promesis daŭrigi gvidon de la E-kurso.

**Malang**

En la urbo Malang la E-kurson ĉeestis studentoj de unu el lokaj universitatoj (fakultato de fremdaj lingvoj). Mega Karisma Verina, 20-jara studentino de germanlingva fako, <chan.chubby@yahoo.co.id>, okazigis lingvolernadon en sia hejmo.

Mega pretigis por la dutaga kurso malgrandan E-etikedon. Gejunuloj interkonsentis rekomenci la E-kurson ekde septembro subgvide de Mega.

**Djhakarto**

En Djhakarto la E-kurso okazis en la universitato je nomo de Gunadarma, kies vic-rektoro s-ro Ravi A. Salim aktive kaj efektive subtenis okazigon de la kurso por instruistoj kaj studentoj de la universitato. La klasĉambro, en kiu okazis E-lecionoj, estis bone ekipita per teknikaĵoj. La E-kurson ĉeestis 15 (eble iom pli, la liston de ĉeestantoj kompilis Abdul Haris Abnan) diversaĝaj personoj, instruistoj kaj studentoj.

**Medan**

En Medan (Sumatro) la E-lecionoj, pri kiuj zorgis 19-jara studento Reza Pahlevi <zhalefy@gmail.com> okazis laŭvice en hejmoj de lokaj studentoj. Entute la kurson partoprenis 14 gejunuloj (dugrupe). Reza planis daŭrigi la E-instruadon de septembro.

**Kuta**

Dum mia restado en Kuta (insulo Bali) mi sukcesis persvadi lerni Esperanton la 30-jaran junulon, masaĝiston, Iwayan Suwekko <flowerspa_bali@yahoo.co.id>, kiu en sekva tago jam trovis en Facebook la paĝon de indoneziaj esperantistoj kaj al kiu mi donacis unu Esperanto-indonezian ŝlosilon.

Ĉiuj kursanoj estis informitaj pri la FB-paĝo por indoneziaj esperantistoj, ankaŭ pri aliaj E-retejoj.

La organizantoj de ĉiuj E-kursoj sukcesis kunvenigi tute novajn kursanojn, kiuj neniam antaŭe lernis la internacian lingvon. Mi renkontis nur unu personon, Mega (el Malang), kiu partoprenis la enkondukan prelegon pri Esperanto de Heidi Goes aŭtune en 2010 en Surabaya. En Djhakarto mi ne renkontis E-parolantojn, krom Abdul Haris Abnan. Jam iom parolas s-ro Ravi A. Salim (komencinta lerni la lingvon memstare) kaj lia lernantino Hera Agustina.

Mi ne renkontis veteranojn de E-movado en Indonezio. Unu, Gunawan Wibisana Esperantista, en Yogyakarta, al kiu telefonis Johanes Manhitu laŭ mia peto, promesis veni, sed ne aperis entute. En Djhakarto mi petis s-ron Abdul Haris Abnan organizi renkonton kun liaj kursanoj (en la lasta tago venis, ŝajne, 2-4 junulinoj, kies konoj de la lingvo restis por mi neklaraj) kaj aliaj esperantistoj de la urbo (ankaŭ telefoni al Bogor por kontakti tieajn geesperantistojn). Bedaŭrinde, tio ne okazis.

Konklude mi povas diri, ke nuntempe en Indonezio inter personoj, kiujn mi renkontis kaj al kiuj mi instruis, troviĝas certaj homoj, kiuj vere ekinteresiĝis pri la lingvo kaj kiuj kapablas ĝin ellerni. Tamen, en Indonezio ne sufiĉas ankoraŭ bone E-parolantoj ne nur pro manko de veraj E-instruistoj (pli ĝuste instruantoj), sed ankaŭ pro duma foresto de entuziasmuloj, kiuj povus ekgvidi renaskiĝantan E-movadon. Mankas E-lerniloj kaj E-libroj. Supozeble, la planata partopreno de kelkaj indonezianoj en UEA-kongreso en Vjetnamio plivigligos kaj hardigos ilin kiel verajn E-agantojn. Certe, ne malutilos novaj (vicaj) E-invadoj al Indonezio.

Tatjana Loskutova <lota49@mail.ru>

# Israelo

## Vigla Somerfina Renkontiĝo (SFR) en Tel-Avivo

Entue 32 personoj (el ili kvar ne-esperantistaj gastoj) ĝuis marde la 30an de aŭgusto la tradician somerfinan renkontiĝon (SFR) de Tel-Avivaj Esperantistoj en la kafejo "Kafe-Kafe", kie la SFR okazis ankaŭ pasintjare (tiam estis 37 partoprenintoj). Estis tiom vigla etoso, ke la renkontiĝo daŭris du horojn pli longe ol planite – entute kvin horojn. Aldone al babilado kaj personaj rakontoj pri la someraj vojaĝoj, kelkaj samideanoj kunportis fotoalbumojn kaj oni spektis lumbildojn de postkongresa vojaĝo en Norvegio. Por reprodukti la etoson de la Universala Esperanto-Kongreso oni faris

grupfoton kun grandega kongresa banderolo, unu el tiuj kiuj pendis en la Kopenhagaj stratoj dum la kongreso (vidu la aldonajn fotojn). Grupo da gejunuloj, kiu hazarde sidis apude, ekinteresiĝis pri la gaja grupo, petis informiĝi pri Esperanto kaj sekve komencis kanti israelajn kantojn en Esperanto laŭ la teksto-folioj de la iama kasedo, "Israelo kantas", kiuj estis disdonitaj kiel historia kuriozaĵo. Alia historia kuriozaĵo estis granda fotoalbumo de la Esperanto-vojaĝo de israela junulara grupo en 1977 al Germanio (GEJ) kaj Francio (IJK), (el kiuj parto estis lastatempe skanita kaj prezentita en Facebook
http://www.facebook.com/media/set/?set=a.2342866781032.2139410.1530849334
<http://www.facebook.com/media/set/?set=a.2342866781032.2139410.1530849334&type=1> &type=1). Kelkaj el la veteranoj de tiu vojaĝo kiuj ĉeestis la renkontiĝon nostalgie memoriĝis kaj rakontis al la aliaj pri la travivaĵoj de la iama vojaĝo. Ankaŭ la nuntempa E-junularo (JELI) okazigis sian renkontiĝon samloke. Kvankam ĉeestis nur malmultaj gejunuloj, oni diskutis gravajn temojn, ekzemple la ideon okazigi la Internacian Junularan Kongreson en la jaro 2013 en Israelo, post la Azia Kongreso.

Amri Wandel" <amri@huji.ac.il> Prezidanto de ELI

## Srilanko

### Junulara Esperantisto-Klubo de Shanthee

Shanthee, Garden City, Diyatalawa-90150, Sri Lanka
Retpoŝta adreso;- info.shanthee2011@gmail.com
La Leĝa Registra Nu. BD/DI/NG/Es/01/04

Junulara Esperantisto-Klubo de Shanthee estas la loka klubo por esperantistoj en la Diyatalawa-regiono. Ĝi fondiĝis en 2009 kaj la plej nove. Ni trovos la plej gravajn informojn pri loka kaj alia esperantista aktivado ĉi tie. Celo de nia klubo estas efektivigi

diversajn projektojn al esperantistaj junuloj por plibonigi ilian konon, pozojn, kompetentojn kaj lertojn. Societo por la Vivstilo Liberi el Narkoto kaj Alkoholo estas la plej nova projekto, kiun ni efektivigis. Ni estas ĝis nun nur malgranda grupo, sed tre aktiva klubo. Estas 288± aktivaj membroj en nia klubo. Kutimaj diskutlingvoj estas Esperanto, angla kaj sinhalease.

**Pasintaj projektoj 2009/2010**
Laŭ nia ĉiujara progrmo ni efektivigis sukcese sekvajn projektojn.

1. Divida fotogrfia Ekspozicio kaj Kontesto.
2. Memokupaj Projektoj
3. Lerneja Evoluo-Projekto
4. Psikologia Konsilantara Projekto
5. Profesiaj Trejnaj Projektoj
6. Fondaĵa Provaso por la edukado de lernantoj de Ranjika Subasanee (12-jaraj) kaj Chaturika Rasanjalee (16-jaraj).

# Barato

## Traduko de japana verko en la bengalan lingvon

Mi tradukis al la bengala lingvo la rakonton EN ARBARDENSEJO originale verkitan de Akutagawa Ryûnosuke.

Unue el japana lingvo tradukis en Esperanton s-ro Tazuo NAKAMURA. La bengallingva traduko publikiĝis en la revuo Samatat (n-roj 166-167, 175-84), la sama eldonejo, kiu partoprenis en la projekto de Eŭropa Komisiono por publikigi tradukitajn infanromanojn de kvar landoj, nome, Italujo, Kroatujo, Slovenujo kaj Barato.

Mina Dan <mina.dan@gmail.com>

# Libroj
## 1. Trilingva interparolado
## 2. Esperanto kaj mi







Memore al la Komuna Kongreso de Japanio kaj Koreio oni eldonis du librojn.

Japana Esperanto-Instituto eldonis la 32-paĝan libron “Trilingva interparolado” kun kompakta disko (la prezo estas 800 enoj), per kiu oni povas lerni la japanan kaj la korean pere de Esperanto.

Korea Esperanto-Asocio eldonis la 296-paĝan libron “Esperanto kaj mi”, en kiu 39 koreaj esperantistoj skribas pri sia vivo kun Esperanto. Ĝi estas du-lingva (Esperanto kaj la korea) kaj la prezo estas 14000 ŭonoj (12 eŭroj, 15 dolaroj). Ŝajnas, ke Korea Esperanto-Asocio eldonos la duan version en la sama titolo. Ĝi esperas, ke en multaj landoj eldoniĝos la samtitolaj libroj, kolektinte voĉojn de esperantistoj.

## 3. Esearo de monda vojaĝanto s-ro HORI
## 4. Tertrema Katastrofo de Japanio 2011




La esearo estas japanlingva kaj 256-paĝa en B5-formato eldonita el HORIZONTO. Eseoj en tiu libro estis verkitaj de s-ro Hori Jasuo dum la pasintaj 10 jaroj en la organoj de du malgrandaj organizoj, temante pri liaj vojaĝoj en eksterlando. La prezo estas 1200 enoj (12 eŭroj, 15 dolaroj).

La “Tertrema katastrofo” estas raportaro de la katastrofo okazinta/anta en Japanio post la 11a de marto, eldonita de Monda Asembleo Socia kaj Sennacieca Asocio Tutmonda. S-ro HORI sendadis siajn raportojn pri la katastrofo en Japanio per reto al la mondo. Tiu raportaro kolektas raportojn de la unuaj tri monatoj, nome ekde la 11a de marto ĝis la 30a de majo. La libro estas 172-paĝa en A5-formato kun multaj koloraj fotoj. La prezo estas 14 eŭroj.

# Vojaĝo tra Irano pere de Esperanto (2-2)

Ruŝno Rajhoni stasaf@yandex.ru
Firdaŭs Ŝukurov komintel@yandex.ru
(Taĝikio)

Frumatene la 28-an de aprilo, bela buso venigis nin al la nova buscentro en Jazdo. Ĉar estis tro frue, oficejoj ankoraŭ ne funkciis. Ni konatiĝis kun turisto el Singapuro kaj, trinkante aroman nigran teon, interŝanĝis en la angla la impresojn pri Irano. Ankaŭ li rimarkis, ke irananoj ne estas tiom religiemaj, kiel oni povas multfoje aŭdi. Ni rakontis al li multon pri nia lingvo Esperanto, eksplikante, ke, sen helpo de esperantistoj ni ne povus tiom interese vojaĝi. Ĉar ni planis daŭrigi nian vojaĝon al Maŝhado per trajno tra dezerto, ni startis per urba buso al la stacidomo. Aĉetinte biletojn por vespera trajno, ni iris al la urbo.

Unue ni vizitis unusolan preĝejon de fajradorantoj. Ĝis nun en Irano, precipe en Jazdo, ekzistas kredantoj al Zoroastrismo. Poste ni vizitis katolikan preĝejon. Ni konatiĝis ankaŭ kun judoj, kies vendejoj okupis la tutan straton. Laŭ informo de judoj, ili estas tre kontentaj pri la vivo en Irano. Vespere ni sidigis nin en la trajnon kaj startis al sankta urbo Maŝhado.

Ni veturis tra senlimaj stepoj kaj dezertoj. Fojfoje aperadis apudvojaj dometoj. Dufoje (malfruvespere kaj frumatene) la trajno haltis ĉe moskeoj por permesi al kredantoj komforte preĝi. Niaj samkupeanoj estis studentoj. Ambaŭ estis kredantoj. Kun ili ni parolis perse, informante ilin pri Esperanto.

Matene la 29-an, ni alvenis al la granda stacidomo de Maŝhado, de kie per urba buso ni direktis nin al la loĝejo de s-ro Saeed Burhoni. Li veturigis nin al ripozejo apud artefarita montara lago. Ni restis tie ĝis venis aliaj esperantistoj – geedzoj Atena kaj Saeed Sardori, kiuj afable invitis nin gasti ĉe ili.

Ges-roj Sardori vizitigis nin al la tombo de Imamo Reza – fabela Palaco, ege fama en la islamaj landoj. Alian tagon ni veturis al urbeto Tus, kie naskiĝis, vivis kaj estis enterigita fama reprezentanto de la pers-taĝika literaturo, poeto Abulkasim Ferdousi,

la aŭtoro de la mondfama “Ŝahname” (La libro de reĝoj). Ni vizitis ankaŭ noktan parkon sur monteto, 3-dimensian kinejon, muzeojn, ekspozicion de la naturaj kaj vegetaraj manĝaĵoj. Hejme ni praktikis Esperanton kaj iomete la rusan, ĉar s-ro Sardori emas lerni la rusan. En la lasta tago s-ino Atena invitis nin tagmanĝi ĉe siaj gepatroj. Post la tagmanĝo ni ĉiuj veturis al la proksima montfendejo, kie la urbanoj festis la lastajn tagojn de Noŭruzo. Post gaja tetrinkado kun dolĉaĵoj s-ro Saeed veturigis nin al la buscentro.

Vespere la 1-an de aprilo, ni startis al Tehrano. En Niŝapuro (naskiĝloko de mondfama poeto, filozofo kaj matematikisto Omar Hajam) nia buso haltis por ke dezirantoj komforte preĝu kaj manĝu. Frumatene ni venis al unu el grandaj buscentroj de Tehrano apud la monumento “Ozodi” (Libereco). Ĉi tie nin renkontis s-ro Jacque Sans kun sia familio, kiu faras mondvojaĝon per propra buso. Ni veturis al apudtehrana urbeto Karaĝo por festi tie en ĝardeno la lastan tagon de Noŭruzo, nomata “13 Bedar”, kun amikoj de s-ro Reza Torabi kaj s-ino Fariba Maĝd. Ni bone pasigis la tempon: ĝuis la naturon, interparolis kaj interŝanĝis opiniojn en kelkaj lingvoj, manĝis bonguste kaj dancis. Vespere s-ro Reza Torabi veturigis nin al loĝejo de s-ino Giti Ferdosnia, kiu afable, bonkore kaj malavare gastigis nin. La sekvan tagon s-ino Giti gvidis nin kaj familion Sans al la muzeoj de la Reĝa Palaco. Mirigis nin tio, ke s-ino Giti estas persone konata kun la Reĝo Muhammad Reza Pehlevi, kiu iam enmanigis al ŝi medalon pro venko en rajdado.

Ni akceptis la inviton de s-ro Akbar Sadochat viziti urbon Raŝt. Ni startis matene, la 5-an de aprilo kaj jam posttagmeze nin renkontis s-ro Akbar. Post tagmanĝo ni promenis en la urbo. Malgraŭ multjaraj klopodoj de s-ro Akbar, esperantistoj ege malmultas en Raŝt. S-ro Akbar invitis al vespermanĝo ankaŭ s-ron Ŝahrom Hasanzade. La sekvan tagon s-ro Akbar veturigis nin al montara vilaĝo Masuleh, kie diverskoloraj dometoj estis konstruitaj sur la deklivoj de la montoj. Post la vizito al tiu ĉarma vilaĝo ni veturis al montara kastelo, konstruita en la 14-a jarcento. Al la kastelo kondukas padeto kun pli ol 1000 ŝtupoj. Bedaŭrinde, iomete

pluvis kaj nebulo malhelpis nin ĝui belan pejzaĝon. Tamen ni atingis la kastelon kaj estis surprizitaj pro ĝia grandeco! Miloj da homoj povis defendi sin en la kastelo. Malfruvespere, laciĝintaj, ni revenis hejmen, kie s-ino Jila, la edzino de s-ro Akbar, jam preparis por ni bongustan vegetaran manĝaĵon.

Matene, la 7-an de aprilo, ni vizitis muzeon kaj posttagmeze veturis al urbeto Anzali ĉe Kaspia maro. Tie en ortodoksa preĝejo ni renkontis kelkajn homojn, parolantaj la rusan lingvon. Ili parolis perfekte ankaŭ la persan kaj rakontis al ni pri la tempo, kiam multe da rusoj loĝis en Anzali. En la sekva tago ni revenis al Tehrano. Denove nin gastigis s-ino Giti. Ŝi estas arda esperantisto kaj ĉiam klopodis plibonigi sian konon de la lingvo. Bedaŭrinde mankas al ŝi praktiko. Ŝi devas pli multe konversacii kaj korespondadi. Ŝi jam partoprenis kelkajn kongresojn. Ĉi-jare ŝi volas partopreni IJK-on en Kievo. Ni deziras al ŝi sukcesan vojaĝon.

En Tehrano loĝas artista familio de s-ro Habibpoor. Unu vesperon ni estis invititaj vespermanĝi kune ĉe lia ĉarma familio. S-ro Parviz kaj s-ino Munir montris al ni siajn pentraĵojn kaj skulptaĵojn. Ni multe parolis ankaŭ pri movadaj problemoj kaj politikaj sistemoj en niaj landoj.

La lastan tagon ni promenis en la urbo, vizitante bazaron kaj parkon apud la monumento “Ozodi“. Vespere s-ino Giti invitis al si ges-rojn Saeedpoor por kune vespermanĝi kaj priparoli estontan kunlaboron en la movada kampo. Keyhan Saeedpoor estas prezidanto de IREA. S-ro Keyhan diris, ke iranaj esperantistoj ege scivolas pri Taĝikio. Estus bone, se ni povus venontjare en la tagoj de Noŭruza feriado organizi Orientan kunvenon. La partoprenontoj emas viziti ankaŭ mondfamajn urbojn Buharao kaj Samarkando. Ni pristudos la aferon kaj estos feliĉaj, se niaj karaj amikoj el Irano povos viziti nian landon kaj najbaran Uzbekion.

Ankoraŭfoje ni kore dankas al ĉiuj esperantistoj kaj neesperantistoj, kiuj gastigis nin kaj helpis al ni dum nia vojaĝo.

(Fino)

# Paĝoj de KAEM

## Aktivuloj, membriĝu al UEA subvenciite de "Fondaĵo Azio de UEA"

Estas malfacile por esperantistoj loĝantaj en nepagipovaj landoj membriĝi al UEA pro financa kialo, tamen certe vi volas esti membroj de UEA. Do sendu jenan peton al KAEM. Se KAEM konstatas, ke vi estas diligentaj esperantistoj, ĝi aligas vin al UEA senpage kaj vi ricevos la belkoloran organon "Esperanto" 11 fojojn jare. Jam vi ne estos izolitaj esperantistoj, sed en la rondo de la monda esperantistaro.

**Aliĝ-maniero**

1. Skribu jenajn du aferojn.
   1) Viaj nomo, adreso, retadreso, naskiĝdato, profesio, kariero en Esperantujo ktp.
   2) Viaj agadoj por la movado en 2011 kaj planoj en 2012.
2. Sendu ĝin poŝte al KAEM: ĉe Japana Esperanto-Instituto (JEI)
   Japanio 162-0042 Tokyo-to Sinzyuku-ku Waseda-mati 12-3
   Aŭ sendu rete al s-ro Sasaki Teruhiro <steruhiro@hotmail.co.jp>
   * Skribu "Projekto C" kiel titolon aŭ sur la koverto.
3. Limdato: la 20a de decembro 2011.

**Notoj:**

1) **Skribu klare vian nomon kaj adreson <u>en Esperanto</u>!!!**
2) Rajtas membriĝi nur unu el la familianoj en la sama adreso.

**Peto al riĉaj ĉinoj**

Riĉaj ĉinaj esperantistoj ne aliĝu al tiu ĉi senpaga servo, sed mem membriĝu al UEA kaj se eblas, donacu pli ol 5 eŭrojn al Fondaĵo Azio de UEA por subteni la eldonon de "Esperanto en Azio" .

* En 2011 estis akceptitaj 153 homoj: Barato 5, Ĉinio 17, Indonezio 22+9 (per alia kaso Canuto), Mongolio 17, Nepalo 16, Pakistano 23,

Vjetnamio 44
* En 2010, 16 homoj membriĝis de la subaj landoj, sed ne en 2011. Afganio 1, Azerbajĝano 1, Bangladeŝo 1, Filipinoj 3, Kamboĝo 1, Laoso 1, Srilanko 5, Tajlando 1, Turkio 1, Uzbekio 1. Ni atendas petojn de la supraj landoj kaj ankaŭ el Irano, Kazaĥio kaj sendependiĝintaj landoj en eksa Sovetunio.

## Propono pri la 7a Azia Kongreso okazonta en Israelo

En la KAEM-kunsido en Kopenhago mi interparolis kun la partoprenantoj pri la 7a Azia Kongreso (AK). Pro la pledo de japanaj samideanoj, ke ĝi ne koliziiu kun regionaj kongresoj (kiuj kutime okazas en Japanio komence de junio), mi interkonsentis kun KAEM-vicprezidanto Boi, ke ni provu trovi daton fine de junio.

Post serioza konsidero de ĉiuj faktoroj, kaj post serĉado kaj esploro de eblaj kongresejoj, mi prezentas al via konsidero la rezulton.

Esperanto-Ligo en Israelo (ELI) proponas al KAEM okazigi la AK-n inter la datoj la 27a de junio – la 1a de julio, 2013, en gastejo "Rabin", http://www.hihostels.com/dba/hostels-Jerusalem--Yitzhak-Rabin-030010.en.htm apud la Universitato de Jerusalemo kaj la Israela muzeo.

La gastejo estas nova kaj moderna kaj en 2008 ELI sukcese okazigis tie la Israelan Esperanto-Kongreson (KIES) (vidu http://esperanto.org.il/dosieroj/esperanto200802.pdf ). Ĝi havas ĉirkaŭ 80 ĉambrojn, kiuj povas komforte loĝigi pli ol 300 personojn, kaj plurajn salonojn, inkluzive de granda salono por la inaŭguro ktp. Malgraŭ ĝia relativa lukso kaj komforta centra situo en Okcidenta Jerusalemo, la prezoj estas sufiĉe modestaj. Por tiuj, kiuj tamen deziras eĉ pli da lukso, estas apude (5-10 minutojn piede) pluraj grandaj bonegaj hoteloj (Crown Plaza, Renaissance kaj pli).

Ni antaŭvidas riĉan klerigan, kulturan kaj distran programon. Aldone al la laborkunsidoj de KAEM estos prelegoj kaj diskutoj pri la kongresa temo (interkonsentota kun KAEM), ekskursoj tra Jerusalemo (sendube la plej alte taksata turisma urbo en Israelo), arta programo (ni jam interkonsentis kun la famaj muzikgrupoj "Kajto" kaj "Jhomart kaj Natsha"). Eblas ankaŭ plani ILEI-seminarion kunlabore kun la apuda Universitato de Jerusalemo. Laŭ la tradicio de Israelaj Kongresoj (vidu ekzemple http://esperanto.org.il/dosieroj/esperanto201001b.pdf), ELI organizos por la kongresanoj antaŭ- kaj post-kongresajn ekskursojn tra Israelo kaj Jordanio.

Fine ni havas du demandojn kaj unu sugeston:

1. Kiom da partoprenantoj, laŭ via takso, ni atendu ?
2. Ĉu la daŭro (4 tagoj, de ĵaŭdo posttagmeze ĝis lundo) proponata de ELI estas taŭga?
3. Estus utile, se iu el vi aŭ alia komisiito de KAEM vizitu Israelon kaj la kongresejon antaŭe, por impresiĝi kaj raporti al KAEM pri la kondiĉoj de la gastejo, la programo kaj la postkongreso (simile al la KKS de UEA). La natura okazo estas kompreneble la venontjara Israela Kongreso (10-12.5.2012, vidu la unuan informilon http://esperanto.org.il/dosieroj/ik2012unua-informilo.pdf). Se vi trovas tiun ideon inda, eventuale oni povas parte subvencii - KAEM la vojaĝon kaj ELI la restadon.

Amri Wandel <amri@huji.ac.il>

# Esperanto-eventoj en 2012 ===

**5.10 ~ 12** / La 13a Israela Kongreso / Bet Ŝean (Skitopolis), Israelo
**Majo aŭ junio** / La 61a Kantoo-Esperanto-Kongreso / ???, Japanio
**6.22 ~ 23** / La 60a Kansaja Esperanto- Kongreso / Osako, Japanio
**7. ??** La 45a ILEI-konferenco / Kunming, Ĉinio
**7.28 ~ 8.4** / La 97a Universala Esperanto-Kongreso / Hanojo, Vjetnamio
**8.5 ~ 12** / La 68-a Internacia Junulara Kongreso / Tenri, Japanio
**Somere** / La 7-a Esperanto-Kongreso de Nordoriento kaj Interna Mongolio de Ĉinio / Changchun, Ĉinio
**10.6~8** / La 99a Japana Esperanto-Kongreso / Sapporo, Hokajdo,
**Oktobre** / La 44a Korea Esperanto-Kongreso / Koreio

**KAEM-anoj**

1. Koreio: S-ro PARK Yong-sung esabpark@korea.com>
2. Vjetnamio: S-ro Hoang Ngoc Boi
   <amarateo@gmail.com> <boihn.gm@vietsov.com.vn>
3. Ĉinio: s-ro WANG Ruixiang <wrxzj@tom.com>
4. Barato: s-ro Ranganayakulu <ranganayakulu@gmail.com>
5. Japanio: s-ro SASAKI Teruhiro <steruhiro@hotmail.co.jp>
6. Pakistano: S-ro Muhammad Zubair <zurnab_pk@yahoo.co.in>
7. Irano: s-ro Reza TORABI <torabireza@gmail.com>
8. Nepalo: S-ro Mukunda Raj Pathik <mpathik@gmail.com>
9. Taĝikio: S-ro Fajzullaev Ĝamŝid <fajzullaev@yandex.ru>
10. Israelo: s-ino Esther SEBBAN <esti33333@hotmail.com>
11. Mongolio : S-ro Chimedtseren Enkhee <enchjo@yahoo.com>

**Kunlaborantoj de KAEM**

Japanio: s-ro HORI Jasuo (redaktado de "Esperanto en Azio")
s-ino TAHIRA Masako (provlego)
s-ro ISINO Yosio (presado kaj ekspedo)

## Enhavo de "Esperanto en Azio n-ro 72"

**Komuna Kongreso de Japanio kaj Koreio,** Azia Agado dum la kongreso, Literatura konkurso, Premioj
**Kopenhaga UK:** Azia agado, Premio Deguĉi al HORI
**Esperanto-insulo Hainano**
**Japanio:** Tergloba festo, Okinava rondo, Toohoku-kongreso, Novembra sumoo
**Koreio:** Geknaboj al Tajvano, 372 studentoj lernas E-on. Lernantoj al Herzberg
**Nepalo:** La unua Sud-Azia Seminario
**Ĉinio:** Junulara seminario en Harbino, Ŝanhaja E-salono, Kolegio Pingtung en Tajvano
**Indonezio:** Kursoj de Tatjana
**Israelo:** Somerfina renkontiĝo
**Srilanko:** Junulara E-isto-klubo de Shanthee
**Barato:** Traduko de japana verko
**Libroj:** Trilingva interparolado, Esperanto kaj mi, Esearo de monda vojaĝanto s-ro HORI, Tertrema katastrofo de Japanio
**Eseo:** Vojaĝo tra Irano
**Paĝo de KAEM:** Membriĝu al UEA, Propono pri la AK7, Eventoj, KAEM-anoj

---


## Esperanto en Azio

Eldonanto: Komisiono de UEA pri Azia Esperanto-Movado
Adreso de KAEM: ĉe Japana Esperanto-Instituto (JEI)
Japanio 162-0042 Tokyo-to Sinzyuku-ku Waseda-mati 12-3
telefono: +81-3-3203-4581, fakso:+81-3-3203-4582, retpoŝto: <esperanto@jei.or.jp>
TTT-ejo de KAEM: <http://www.kaem.org/>
Redaktoro: HORI Jasuo <hori-zonto@water.sannet.ne.jp>
Japanio 371-0825 Gunma-ken Maebaŝi-ŝi Ootone-maĉi 2-13-3